# Etnismo

N-RO 1 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 10. 05. 72

## KIAL ETNISMO?

Aperigante tiun ĉi unuan numeron de ETNISMO ni konscias la riproĉon leviĝontan: "Anstataŭ plimultigi la gazetojn kaj bultenojn uzantajn la Internacian Lingvon, necesegas koncentri la fortojn al kelkaj malmultaj revuoj altkvalitaj!" Konsentite. Sed..... tiu ĉi informilo ne estas komparebla al tiu de loka klubo aŭ ĝenerala tutlanda asocio, ETNISMO estas klare specialiĝinta pri unu certa problemaro - tiu de la etnoj. Tiu ĉi informilo estas kaj restos teknike tre simpla (ĉar enhavo pligravas ol eksteraĵo, kaj lukso ne estas ekonomia) kaj malmultekzemplera (ĉar ĝi estas destinita por kelkdeko da aparte interesataj personoj).

ETNISMO estos nete ne neŭtrala. Ĝi traktos ĉiujn politikajn, ekonomiajn kaj kulturajn problemojn koncerne etnojn, kaj ĝi propagandos certajn ideojn. Ni opinias ke ETNISMO utilos por konsciigi sian publikon pri larĝeco horizonta bezonata por funde kompreni la mondan lingvo-problemon. Luktado kontraŭ lingva diskriminacio neniel povas limiĝi al la ŝtataj lingvoj, sed ĝi devas, kondiĉe ke ĝi estas sincera, konsideri samtempe la ŝtatinterne malfavoratajn lingvojn de etnaj minoritatoj.

Difinante "etnon" kiel la tuton de tiuj homoj kiuj parolas denaske, sen ŝtata aŭ simila premo kaj principe sur ĉiuj kampoj de la homa vivo la saman lingvon, ni esprimas per "etnismo" la ideon ke la etna grupo estas unu el la gravaj faktoroj determinantaj la homan vivon. Tamen: Kvankam aparteno al unu sama etno havas certajn sekvojn por la evoluo de la koncernataj homoj, tiu etna komuneco tute ne signifas ke temus pri eterne fiksita stato por ĉiuj sametnanoj. Etnoj ŝanĝiĝas, disfalas, fandiĝas, "naskiĝas", "mortas" tra la jarcentoj. Jen unu etno organiziĝas en unu ŝtato, jen en pluraj, jen diversaj etnoj kune formas unu ŝtaton.

Etnismo neniel absolutigas la ekziston de tiu kaj alia kaj multegaj pliaj etnoj. Etnismo nur notas la faktojn pri la etnoj kaj batalas por respekto antaŭ la propreco - la "personeco", se oni volas tiel diri - de ĉiu etno kaj kontraŭ lingva kaj kultura imperiismo. "Etna demokratio" estas konsiderenda kiel plia ŝtupo survoje al la liberigo de la homoj post agnosko (kvankam ne efektivigo!) de la individua libereco kaj individua egaleco de la civitanoj.

Kaj, evidente, ETNISMO pledos por la utiligo de ĉiu unuopa etna lingvo en la kadro de la respektiva etno kaj por la uzado de Esperanto en ĉiuj interetnaj rilatoj.

## NOVAĴOJ

GENEVO. La ĉi-jaraj "Florludoj de la kataluna lingvo" (Jocs Florals de la Llengua Catalana) okazos dum oktobro en Ĝenevo. Oni aranĝas, tradicie, diversajn konkursojn pri kataluna kulturo, kaj la premiitoj estos prezentitaj dum la Florludoj, kiuj depost 1939 ne plu rajtas okazi ĉi-forme kaj ĉi-enhave en hispania Katalunio. Adreso de la organiza komitato: Jocs Florals de la Llengua Catalana, Case postale 161, CH - 1211 Genève 8, Jonction.

KLAGENFURT. La Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (Association Internationale pour la Défense des Langues et Cultures Menacées) jarĉefkunvenos de la 22-a ĝis la 24-a de julio 1972 en Klagenfurt (Aŭstrio).

BARCELONO. Meze de aprilo 1972 finiĝis la 12-monata prezentado de katalunlingva teatraĵo "El retaule del flautista" de Jordi Teixidor. Temas pri parodio pri la flutisto de Hameleno kun amaso da kritiko kontraŭ la burĝa mentaleco kaj kontraŭ la metodoj de la aktuala hispana reĝimo. La stilo estas eksplicite Brecht-eca. La kastilia antaŭ-versio estis malpermesita en Madrido.

SANSEBASTIANO. Okaze de la "Tago de la Patrujo" ("Aberri Eguna") de la vaskoj, diversaj aktivecoj kontraŭreĝimaj estis notitaj la 2-an de aprilo 1972 en la hispania parto de Eŭzkadio.

La aŭtoroj de atako kontraŭ radioinstalaĵoj sur la monto Ulía, de la eksplodigo de monumento en Toloso, de atenco kontraŭ dancejo ktp. estis militistoj de E.T.A., la marksisma-leninisma organizo vaskisma.

ANDORO. En tiu ĉi ŝtato - la sola en la mondo kun la kataluna kiel oficiala lingvo - aperadas, depost 1970, monata revuo sub la titolo "Andorra Magazine". La revuo estas trilingva: Oni trovas artikolojn en la kataluna, aliajn en la franca kaj ankaŭ iujn en la kastilia, sed neniu el ili estas tradukaĵo. Do, oni supozas ke aŭ ĉiuj legantoj kapablas legi la tri lingvojn aŭ ili intencas limigi sian legadon nur al parto de la revuo. La enhavon karakterizas malmulta politiko, iom da ekonomio, du romanserioj, andora historio, prikatalunaĵoj, radioprogramoj ktp. Gvidlino: porcieto por ĉiu. Adreso: "Andorra Magazine", Av. Carlemany, 105, Les Escaldes, Andoro.

## BIBLIOGRAFIAJ NOTOJ

BARRAL I ALTET, Xavier: L'ensenyament del català a Europa i Amèrica del Nord; Barcelono, 1971, 202 p.; 150 ptoj; detalaj indikoj pri la universitata instruado de la kataluna lingvo.

Diversaj aŭtoroj: Primera Semana Internacional de Antropología Vasca; Bilbao, 1971, 583 p., 24 referaĵoj pri unuopaj aspektoj de vaskaj studoj, kun resumoj en la eŭskera, kastilia, franca, angla, germana, rusa kaj japana lingvo.

MORITZ, Uwe Joachim (editoro): Problemoj de etnaj minoritatoj en Hispanio; Nurenbergo, 1971, 40 p.; kompilaĵo el artikoloj aperintaj en "Germana Esperanto-Revuo", legantoj-leteroj, Montserrat-dokumento, raporto pri la pasintjaraj Florludoj, bibliografieto.

SERVIA, Josep M.: L'Europa de Guy Héraud o el federalisme de les ètnies; en: "Serra d' Or", aprilo 1972, p. 63/64; prezento de la strasburga profesoro pri juro kaj ties ideoj pri etna federaciismo.

ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj. Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Blumenstr. 7, D-511 Alsdorf, FRG, telefono: 02404-4393. ETNISMO estas dissendata senkoste, tamen donacoj estas bonvenaj: poŝtĝirkonto 2326 12 Hannover (por la eldonanto). ETNISMO aperas laŭbezone.

DOKUMENTO 1

DOKUMENTO 1

# REZOLUCIO

La Internacia Esperanto-Kongreso, okazanta de la 28-a de aprilo ĝis la 1-a de majo 1972 en Antverpeno kaj kunveniginta 462 personojn el 14 ŝtatoj, debatis pri la situacio de etnoj kies lingvoj kaj kulturoj estas minacataj.

La Kongreso

(+) notas la fakton ke en pluraj eŭropaj kaj ekstereŭropaj ŝtatoj aro da etnaj grupoj malhavas adekvatajn eblecojn de normala uzado de sia respektiva gepatra lingvo kaj do suferas lingvan kaj kulturan diskriminacion;

(+) atentigas pri la fremdiĝo de diversaj nacioj rilate al siaj propraj lingvo kaj kulturo pro la premo fare de nombre pli grandaj nacioj;

(+) apelacias al la responsuloj en la politika kaj kultura sferoj efektivigi - sur ŝtata kaj internacia niveloj - la fundamentan rajton de ĉiu homo en sia etna regiono utiligi sian gepatran lingvon en instruado, scienco, radio, televido, gazetaro, ekonomio, literaturo, politiko kaj ĉiuj aliaj homaj aktivecoj;

(+) emfazas - plian fojon - la eminentajn avantaĝojn troviĝantajn en la ĝeneraligo de la aplikado de la neŭtrala internacia lingvo Esperanto en ĉiuj rilatoj inter diverslingvaj grupoj;

(+) alvokas la organizojn kaj individuojn en la Esperanto-movado amplekse informiĝi pri la situacio de la minacataj etnoj kaj tre atente sekvi la okazaĵojn en la respektivaj regionoj.

Antverpeno (Belgio), la 1-an de majo 1972